



4/2002
Junio/Julio
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Esperanto en la oficialaj interretaj paĝoj de Hamburg

**Bonvenon en Hamburg**



La Hamburganoj estas fieraj, havi **lagon** meze en la centro de sia urbo, nur kelkajn pasxojn for de la **operejo**, de la **arta halo**, de la **urbodomo** kaj la **borso**.
Ili estas konvinkitaj, vivi en unu el la plej belaj urboj de la mondo. La vizitantoj mem eltrovu, cxu estas vere.

Hamburg gxoje atendas vian viziton.

Per tiu supra bildo vi estos bonvenigita al la unua interreta paĝo en Esperanto. Bedaŭrinde la prilaborantoj ankoraŭ ne ŝanĝis la literojn cx al ĉ ktp: http://www.hamburg.de/fhh/international/esperanto/index.htm

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65/FONT>

Prezidantino:
*Dr. Vesna Stanicic-Burchards*

Redaktoro: *Benno Klehr*

**Karaj legantoj,**
la somero venas kaj multaj el vi ferios aŭ vizitos kongreson. Mi deziras al vi agrablan tempon kaj multajn bonajn spertojn.

Benno Klehr

**Hamburgaj Temoj**
Ek de Junio ĉiumonate okazu prelegeto de iu klubano pri temo kiu taŭgas por prezenti nian urbon al gastoj. Tiel, ĝis la venonta jaro, ni ĉiuj lernos multon pri nia

Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de

Redaktofino de

n-ro 5/02: 15-07-2002

urbo por ke ni povu kiel ĉiĉeronoj prezenti nian urbon al gastoj, kiuj venontjare survoje al UK vizitos Hamburgon.

La HES klubejo malfermita Jhaŭde ek de 18:30 h
Programo: 20:00.
Esperanto Haus donnerstags ab 18:30 Uhr geöffnet.
Programm: 20:00 Uhr.

# Sentenco

La nombro de niaj amikoj
estas des pli malalta ju pli alta
estas nia kompreno de amikeco.

Graff

Jaŭde ek de la 18.30 h okazos "Postkursa Rondo" kun ekzercado kaj ludoj por plibonigi sciojn kaj parolkapablojn.
Gvidas Jutta Sültz

## Junulara Semajnfino en Hamburg

Vendrede, la 31. de majo, ni renkontiĝos je la sesa vespere en la Esperanto-klubo. Post la vespermanĝo ni iros al la Alster. Tie estos la japana ĉeriza floradfesto kun grandega piroteknikaĵo. Sabate ni unue matenmanĝos ĉe Jan Christof kaj poste ni promenados al la centra urbo. Ni faros haven-rondveturon. Vespere ni vizitos la "Reeperbahn" kaj St. Pauli. La Partoprenantoj dormos ĉe hamburgaj junaj esperantistoj.
Kostas 20 EUR (Se vi nur volas partopreni vendrede, vi ne devas pagi.)

Jan Christof

---

## Komuna vizito de Altonale

„Altonale" nomiĝas granda kultura kaj distra spektaklo, kiu ĉiujare okazas en la Hamburga kvartalo Altona. Ĝi ampleksas plurajn stratojn kie dum kelkaj tagoj okazas muzikaj kaj teatraj prezentaĵoj, vendado de manĝaĵoj kaj ĉiuspecaj objektoj, kaj - interesa por ni - informado pri aktivadoj.
Per komuna vizitado la klubanoj volas eltrovi, ĉu tiu okazaĵo estus taŭga por tie venontjare Esperanton.
La interesitoj pri Altonale renkontiĝos la 8an de Junio je la 14a horo ĉe stacio Altona, elirejo Ottenser Hauptstasse (DB Reisezentrum).

---

## Nia programo

| Junio 2002 | Julio 2002 |
|---|---|
| **6** **Klubaj Aferoj** kaj<br>*Frank Merla:*<br>**Parolturnoj IV**<br><br>**13** *Werner Bormann:*<br>**La Esperanto-movado inter politiko kaj vivoĝuo**<br><br>**20** *Jutta Sültz:*<br>**La urbo Hamburg 1a prelegeto el ĉiumonata serio**<br><br>**27** *Jürgen Wulff*<br>Lingvo-kvizo<br>(18a horo: estrarkunsido) | **4** *Benno Klehr:*<br>**Hamburga enigmo**<br><br>**6** **Somera Festo**<br>**Sabato**, 15 h<br>Ĉiu alportu ion por manĝi kaj laŭ deziro preparu programeton.<br><br>**11** Sen programo pro feria paŭzo Gastoj estas ĉiam bonvenaj<br><br>**18** Sen programo pro feria paŭzo Gastoj estas ĉiam bonvenaj<br><br>**25** Sen programo pro feria paŭzo Gastoj estas ĉiam bonvenaj |

Anonceto de Stiftung Europaverständigung por porti Esperanton al entreprenoj kaj institucioj:



## Esperanto ĉe YfU

En Januaro Gerhard Hein de „Stiftung Europaverständigung" demandis min, ĉu mi povus prezenti Esperanton ĉe la tutfederacia renkontiĝo de la organizo Youth for Understanding (YfU - prononcu ŭaj-ef-ju).

Tiu volontula organizo estis fondita en Hamburgo post la dua mondmilito por starigi programon de interŝanĝoj de lernejanoj. Junuloj pasigas tutan jaron, kutime dum la 12-a klaso, en gastfamilio kaj spertas la ĉiutagan vivon en alia lando kaj kulturo. Komence tiu lando estis Usono; intertempe YfU vastigis la interŝanĝon al multaj aliaj landoj. La trovado kaj prizorgado de gastfamilioj, preparado de la lernejanoj, evoluado de la laboro ktp. estas farata de volontuloj, ĉefe junuloj kiuj antaŭe mem partoprenis interŝanĝon.

Dum kvar tagoj en majo, 350 el ili ariĝis en Itzehoe por labori kaj diskuti pri diversaj

aferoj. La ĉeftemo estis Eŭropo, kaj dum unu posttagmezo oni intencis rigardi trans „la rando de la propra telero". T.e. oni volis okupiĝi pri aliaj eblecoj krom lernejan-interŝanĝo por antaŭenigi la pacan kukreskadon de nia kontinento.

**Koncepto de la prezento**

Mi pripensis en kia stilo mi prezentu niajn lingvon kaj movadon al tiu celgrupo. Rapide estis klare al mi kion mi NE volas:

- Mi ne volas fari kurson pri la lingvo
- Mi ne volas trudi niajn konvinkojn (se ni entute havas komunajn)
- Mi ne volas fari longan prelegon
- Mi ne celas trovi novajn adeptojn

Kaj mi ankaŭ certis baldaŭ, kion mi jes volas:

- Mi volas esti kredinda
- Mi volas emfazi ke Esperanto ne estas ideo aŭ projekto, sed vivanta fenomeno
- Mi volas ke la homoj perdu antaŭjuĝojn pri Esperanto
- Mi celas konvinki ke Esperanto estas interesa kaj amuza afero por junuloj

Hazarde unu el la aktivuloj de YfU estas kolego mia, kaj mi renkontis lin por esplori, ĉu tiu kruda koncepto estus taŭga por la aranĝo.
Feliĉe li raportis, ke la kutima laborstilo dum la seminarioj de YfU estas tia, ke la partoprenantoj mem en malgrandaj grupoj prilaboras kaj pridiskutas materialon pri iu temo, kaj poste prezentas la la tuta grupo siajn rezultojn.

Estis tre bone, ke Klaus Friese proponis sin por apogi min en tiu agado. Antaŭe mi ja neniam informis pri Esperanto publike al iu grupo. Ni ellaboris koncepton por nia trihora programero, kaj la spertoj de Klaus kiel instruisto estis tre valoraj.
La plano estis ke post enkonduko, la partoprenantoj havu diversajn fontojn je sia dispono, per kiuj respondu mem la demandojn, kiujn ili havas pri Esperanto. Ni imagis ke uzo de diversaj komunikiloj substrekos la buntecon de la Esperanto-mondo. Tial ni mendis ĉe la organizantoj retroprojekciilon, sonkasedilon, televidilon kun videoaparato, kaj komputilon kun interret-aliro. Je nia surprizo, ni ricevis ĉion! Sevke ni elektis diverssepcajn librojn kaj revuojn en Esperanto, la germana kaj la angla, vortarojn, aldone muzikon, du filmojn (Mazi kaj Pasporto al la tuta mondo), la KD-ROMon espeRom, kaj starigis TTT-paĝon kun ligoj al diversaj TTT-ejoj interesaj.

**Ek al Itzehoe**

La ŝarĝ-postveturilo de mia biciklo estis tutplena kiam mi renkontiĝis kun Klaus en la stacio Altona por trajne atingi al Itzehoe. La organizado de la YfU-renkontiĝo faris bonan impreson; tamen ekestis eta problemo: la interret-aliro estis en tute alia domo ol la ĉambro kie estis preparitaj la aliaj teĥnikaĵoj por ni. Post ioma konfuzo ni decidis rezigni pri video, kaj okupis du ĉambrojn apud la komputiloj, unu por prelegi kaj diskuti, kaj unu por prezenti la materialon. Bone ke ni prenis fruan trajnon, ĉar la ordigado de la libroj kaj revuoj laŭ temoj postulis tempon.
Ni estis nur unu inter ĉ. 20 programeroj en tiu posttagmezo, kaj oni distribuis la paroprenantojn per ruza komputila sistemo laŭ iliaj preferoj al la diversaj grupoj. Tiel ni ricevis ekzakte la deziratan nombron de 25 homoj. Komence ili diris, kion ili jam sciis pri Esperanto, kaj plej multaj sciis nenion. Kelkaj aŭdis ke ĝi estas ideo de lingvo por la tuta mondo.
Tio estis bona elirpunkto por klarigi nian intencon: ke Esperanto ne estas nur ideo, sed vivanta fenomeno, kaj ke ni preparis materialon per kiu ili mem eltrovu, kia. Oni unue aprobis nian planon de etaj grupoj, kiuj surprizis la abundo de la materialo.

Dum iom pli ol kvaronhoro ni lasis ilin trarigardi, kaj je nia surprizo ĉiuj preferis presitajn tekstojn. La muziko kiun ni kunportis servis nur kiel belata fono al la legado. La tekkomputilon kun la espeRom tuŝis neniu, kaj la interreton konsultis nur du knabinoj por mallonga tempo.

**Plano kaj realo**

Kiam ni intencis disdividi la laborgrupon, eventiĝis ke la plimulto tamen ne ŝatas tian aliron. Multaj petis, ke ni informu pri la lingvo. Mi imagis ke lingvaj detaloj estus tute ne interesaj, sed evidente mi plene eraris. Ĉar ni preparis nenion en tiu direkto, necesis improvizi. Post aperigo de tabulo, ni do faris tamen la kurseton pri la lingvo, kiun mi intencis eviti. Dum la tute nesistema trarigardo de la afiŝa sistemo eblis tuŝi multajn demandojn pri la facileco de Esperanto, kiel aperas novaj vortoj, ĉu estas iu centra regado, kiom internacia ĝi estas, pri denaskuloj, pri la lingvoj de Eŭropa Unio, ktp. Ĉar leviĝis daŭre interesaj demandoj de la partoprenantoj, la tempo pasis rapide. Kial la koncepto en tiu punkto ne funkciis? Mi supozas ke ĉiuj jam la trian tagon laboris entuziasme pri temoj pli proksimaj al la propra organizo. Mi povas imagi ke ili jam estis iom elĉerpitaj kaj tial preferis dum tiu posttagmezo de eksteraj temoj pli konsumi ol labori. Nia koncepto de etaj laborgrupoj laŭ mi estis bona por tiu celgrupo, sed sub la specialaj kondiĉoj ne tute povis funkcii.
La ideo, ke homoj akceptos prezenton de Esperanto, sen multe demandi kiel funkcias la lingvo, estis certe eraro. Mi deziris pli emefazi la viglecon kaj buntecon de nia movado, emfazi KE la lingvo funkcial kaj ne kiel. Sed la scivolemo de la homoj evidente iras en alian direkton, kaj necesas kontentigi ilin.
Laŭ mi certe valoris la penon kunporti multon la impreso estis bona. Aliflanke iĝis klare ke presitaj tekstoj multe pli taŭgas por prilabori ol ĉio alia. Ĉe tia laborstilo muziko, filmoj, KD-ROM kaj interreto povas nur roli kiel ornamaĵo.

**Konkludo**

Ĉu ni malsukcesis? Nepre ne. Ni ne varbis novajn adeptojn. Sed tion ni ja eksplicite ne intencis. Laŭ mi, Esperanto stagnas ne pro tio, ke maltro da homoj lernas kaj uzas ĝin. La problemo estas, ke maltro da homoj scias ke ĝi ekzistas kaj kia ĝi estas. Eble per pli insista varbado ni sukcesus akiri unu aŭ du novajn adeptojn. Sed la resto sentus sin konfirmita pri la antaŭjuĝo, ke ni estas misiema sekto, kaj disvastigos tion. Mi kredas, ke per nia prezento en Itzehoe ni sukcesis liveri kredindan, objektivan bildon pri Esperanto kiel vivanta lingvo kaj komunumo, kiu meritas pli profundan studadon, kaj kiu estas interesa por junuloj. Se disvastiĝos tio, nia afero multe pli progresos.

Mi dankas al Klaus Frise pro la apogo, kiun mi reciprokos per prelego dum tago de lingvoj en lia lernejo en Wentorf.

*Lars Sözüer*

[Re al Esperanto en Hamburg]